V. Februaro-Marto-Aprilo-Majo 1922 7—8—9—10

# Internacia Pedagogia Revuo

(I.P.R.)

OFICIALA MONATA ORGANO DE

**Internacia Asocio de Instruistoj. (I. A. I.)**

Redaktoro-Administranto :
Sro Jan JACOBS, kasisto de I. A. I.
Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen — Belgujo.

## INTERNACIA KONFERENCO PRI ESPERANTO EN LERNEJO

### Manifesto al la instruistaro tutmonda

Ni edukistoj el 28 landoj kaj oficialaj delegitoj de 16 registaroj kunveninte en la Sekretariejo de Ligo de Nacioj en Ĝenevo, frate salutas niajn kunlaborantojn en la tasko lumigi la mensojn de la homoj.

Ni asertas nian konvinkon, ke la fundamento de la nuna bedaŭrinda stato,en kiu la civilizita mondo troviĝas, estas tiu malkompreno kaj malfido, kiu dividas la popolojn unu de alia.

Ni asertas nian konvinkon, ke la sola certa kuracilo kontraŭ tiu ĉi malbono estas eduko al homeco kaj efektivigo de la principo de internacia alproksimiĝo, por kiu staras Ligo de Nacioj.

Ni rigardas kiel unu el la plej valoraj kontribuoj al la solvo de la problemo de mondrekonstruo la internacian helplingvon Esperanto, kaj asertas nian konvinkon, ke ĝi flanke de la naciaj kulturlingvoj devas fariĝi parto de la edukado programo en ĉiu civilizita lando.

Ni deziras konigi al vi la rezultojn de nia sperto en la instruado de Esperanto en multaj diverslandaj lernejoj.

Ni konstatis, ke Esperanto estas tute sufiĉa por praktika uzado kiel internacia lingvo, por ĉiuj celoj parolaj aŭ skribaj, al kiuj lingvo estas bezonata; krom tio ĝi posedas rimarkindajn ecojn kiuj pruvas ĝian valoron, kiel ilo eduka.

Ĝi valoras, kiel helpo por la ĝusta uzado de la gepatra lingvo. Tio montriĝas per la pliboniĝo de la gepatralingva prononco kaj elparolo, pli bona elekto de vortoj, pli preciza scio de vortsignifoj kaj pli klara kompreno de gramatikaj principoj.

Esperanto faciligas la akiron de lingvoj modernaj kaj klasikaj, faciligante la taskon kaj ŝparante la tempon de la instruisto, klarigante la gramatikajn formojn, liverante internaciajn vortradikojn, kaj kutimigante la menson de lernantoj esprimi sin en pli ol unu lingvo.

Laŭ nia opinio Esperanto devas esti instruata al infanoj kiel unua lingvo post la gepatra, kaj enkondukata jam en la unuagradan instruprogramon. Ĝi provizus la lernanton, kiu devas frue eliri el la lernejo, per sufiĉa scio de dua lingvo praktike uzebla. Ĝi montrus, ĉu tiuj, kiuj eniras duagradan instruon posedas kapablon por plia lingvostudado kaj ĝi sendus ilin al tiu lerno kun mensoj pretigitaj al tio. Ĝi ebligus, sekve, ŝparadon de tempo kaj pli bonajn rezultojn en la ellernado de lingvoj. Lernantoj nekapablaj en la lingvostudado povus sin fordoni al pli konvenaj studoj.

Ni konstatis, ke scio de Esperanto vekis ĉe niaj lernantoj pli realan konon kaj ŝaton de geografio, mondhistorio kaj eĉ morala edukado, pli grandan kaj pli simpatian intereson pri fremdaj popoloj, pri ties kutimoj, literaturo kaj arto. Esperanto edukas infanojn al tutmonda paco kaj profundigas en ili idealon de Ligo de Nacioj. Tio ĉi efektiviĝas precipe per interŝanĝo de leteroj, ilustritaj poŝtkartoj kaj desegnaĵoj inter infanoj diverslandaj, per legado de internaciaj gazetoj en Esperanto, kaj per studado de fremdaj literaturoj. Lernantoj povas korespondi jam post kelkmonata studado. La avantaĝo morala de tiu ĉi multlanda korespondado estas tre granda.

Per du unuhoraj lecionoj ĉiusemajne la lernantoj povas akiri en unu jaro tian praktikan konon de la lingvo, kian en iu alia lingvo, estas tute neeble atingi en tri jaroj.

Ni submetas ĉi tiun manifeston al via serioza konsiderado, kaj kore rekomendas al vi akcepti la instruadon de Es. eran o en via lando, ne nur pro ĝia utileco por komerco, scienco kaj ceteraj fakoj de internacia agado, sed ankaŭ pro ĝia valoro morala, kiel incitilo al tiu amika interrilatado de la popoloj de la mondo, kiu estas la vera celo de Ligo de Nacioj.

Ĝenevo, 20an de aprilo 1922.

N. B. — En la nomo de la konferenco mi petas ke la Manifesto, grava kaj solena dokumento, estu oficiale komunikata de ĉiu Nacia Societo al la Ministro de Publika Instruado, de ĉiu loka grupo al la Urbestraro kaj Lernejestraro, de ĉiu delegito de UEA al la pedagogia kaj ĉiutaga gazetaro. Estas nun plej

taùga momento por proponi eksperimenton en lernejoj. De la plenumo de tiu solena devo dependas decida ŝtupo al oficialigo.
La prezidanto: Edmond PRIVAT

## OFICIALA DELEGITARA LISTO

### Por Albanio

S-ro **Dhimiter Berati,** delegito de la Ministrejo de Publika Instruado.

### Aùstria Delegitaro

S-ro **Hugo Haan,** teknika konsilisto, delegito de la Ministrejo por Publika Instruado.

Prof. **Schamanek,** direktoro de publika lernejo, lektoro pri Esperanto en la Teknika Instituto, Wien.

### Belga Delegitaro

S-ro **Ed. Haine,** profesoro en Bruxelles, delegito de la Belga Ligo Esperantista.

S-ro **Jacobs,** instruisto en Antwerpen, kasisto de la Internacia Asocio Instruista. (Forestis pro malsano.)

### Por Bulgario

S-ro **N. F. Nikolajef,** sekretaria konsilanto de la Bulgara Delegitaro al la Ligo de Nacioj.

### Brita Delegitaro

D-ro **Alexandra Fisher,** M. A., D. Ltt., Bishop Auckland, direktorino kaj delegitino de Girl's County Council School.

**George Probert,** Bedworth, instruisto delegita de Eduka Komitato.

Miss **Agnes Hogg,** Glastonbury, instruitino delegita de Eduka Komitato en Eccles.

**R. J. Wilcox,** Bedworth, instruisto delegita de Eduka Komitato.

### BRITA ESPERANTO-ASOCIO

**J. Merchant,** Sheffield, vic-prezidanto de Brita esperanto-Asocio.

**W. M. Page,** S. S. C. Edingburgh, vic-prezidanto de Brita Esperanto-Asocio.

**Montague C. Butler,** London, sekretario de B. E. A.

Miss **Jane Baird,** Edingburg, instruistino.

Miss **Elizabeth Hogg,** Glastonbury, instruistino.

### LANCASHIRA KAJ CHESHIRA FEDERACIO

Profesoro **W. E. Collinson,** M. A. Ph. D., Liverpool-Universitato

Miss **A. E. Dixon,** Eccles, instruistino.

Miss M. A. Caldwell, Leigh, instruistino.

YORKSHIRA FEDERACIO

T. **Holmes,** Shipley, prezidanto de la Federacio.
Miss **Louise Briggs,** Leeds, instruistino.

MIDLANDA FEDERACIO

Mrs. **K. Woodhouse,** Birmingham, instruistino.

SKOTA FEDERACIO

**David J. Young,** M. A., delegito de la Eduka Ins'i u'o de Skotlando.
Miss **Isa Watson,** Coatbridge, instruistino.

SKOLTA DELEGITARO (Boy Scouts' Asociations)

**Kenneth Graham Thomsom,** Bexley Heath, delegito de S'kolta Eperanta Ligo kaj de "The Trail".
**Drummond Page,** Edingburgh, Skota Agento de Skolta Esperanta Ligo.
Miss **Sarah Mc Cullough,** instruistino, Belfast, delegitino de Belfasta Skolta Asocio.

NEOFICIALA INSTRUISTA DELEGITARO

Miss **E. Arnold, Belfast,** instruistino.
Miss **L. E. Duncan,** Manchester, instruistino.
Miss **E. Foster, Belfast,** instruistino.
Miss **M. W. Hunter,** Edingburgh, instruistino.

HELPA DELEGITARO

Mrs. **Holmes,** Shipley.
**G. W. Goodall,** London.
Mrs. **Goodall,** London.
**John Willis,** Sheffield.
**D. E. Stamp,** Sheffield.
struado.

C'EKOSLOVAKA DELEGITARO

Prof. **Rudolf Fridrich,** delegito de la Ministrejo de Publika In-
Prof. D-ro **Stan Kamaryt,** delegito de la Ministreja Pedagogia Instituto „Komensky" kaj de la C'ekoslovaka Asocio Esperantista.
S-ro **B. Ludvîk,** instruisto, delegito de la Universala Esperanto Asocio en Kostelec n. C'ern. Lesy.
F-ino **J. S'upih'ova,** instruistino, delegitino de la Rondeto de Esperantistinoj en Praha.
S-ro **Karl Hell,** inspektoro, delegito de la Ligo de esperantista societaro germana en C'ekoslovakio.

**Por C'ilio**

S-ro **Manuel Rivas-Vicuña,** reprezentanto de la C'ilia Delegitaro al la Ligo de Nacioj.

**C'ina Delegitaro**

S-ro **Van-Ho-Fang,** delegito de la Ministrejo por Publika Instruado.

D-ro **Tchéou-Wei,** teknika konsilanto de la C'ina Delegitaro al la Ligo de Nacioj.

S-ro **Sinpak,** delegito de Universala Esperanto-Asocio en Peking.

S-ro **Kenn,** delegito de esperantista studenta rondo en Franco-ĉina Instituto.

**Dana Delegitaro**

Prof. **N. C. Carlson,** direktoro de la komerca lernejo en Odense, delegito de la Centra Dana Esperantista Ligo.

F-ino **Asta Mikkelsen,** instruistino en Kopenhago, prezidantino de la Dana Esperantista Instruistaro.

F-ino **Astryd Rybo,** sub-inspektorino lerneja en Kopenhago, delegitino de la Centra Dana Esperantista Ligo.

**Por Egipto**

S-ro **Mahomed Fahmy,** prezidanto de la Egipta Junularo.

**Por Finnlando**

S-ro **Tapio Voionmaa,** delegito de la Ministrejo de Publika Instruado.

**Por Greklando**

S-ro **Spyridon G. Pappas,** reprezentanto de la greka Sekretariejo ĉe la Ligo de Nacioj.

**Franca Delegitaro**

S-ro **André Baudet,** prezidanto de la Administra Komitato de Komerca Lernejo en Parizo, delegito de la Pariza Komerca C'ambro.

S-ro **Pascalis,** eks-prezidanto de la Komerca C'ambro en Paris, delegito de la Pariza Komerca C'ambro. (Forestis pro malsano.)

S-ro **Deligny,** profesoro en la liceo de St-Omer, delegito de la Komerca C'ambro de St-Omer, de la Societo de l'Amikoj de Esperanto kaj de la Franca Societo por propagando de Esperanto.

S-ro **L. Poncet,** delegito de la Franca Societo kaj de la Komerca kaj Industria Asocio en Lyon.

F-ino **Henriette Meyer,** instruistino en Paris, delegitino de la Societo de l'Amikoj de Esperanto kaj de la Centra Oficejo.

S-ro **Testud,** instruisto en Firminy, delegito de la Universala Esperanto-Asocio.

S-ro **Ratouillat,** instruisto en St-Nicolas, delegito de la Universala Esperanto-Asocio.

Por Georgio

S ro **Chavi-Chvili** reprezentanto de la Delegitaro de Georgio ĉe la Ligo de Nacioj.

Daŭrigota

---

## INTERNACIA KONFERENCO PRI INSTRUADO DE ESPERANTO EN LERNEJO

## G'enevo 18-20 Aprilo, 1922.

## MALLONGA RAPORTO.

---

### La Konferenco

La konferenco propre komenciĝis je Mardo la 18an. Prof. Bovet malfermis la kunvenon, kaj Sir Eric Drumond, la ĝenerala Sekretario de la Ligo de Nacioj faris, angle, klarigan parolon. Prof. Bovet faris simile, france. Kiel Prezidanton, laù propono de S-ro W. M. Page, oni elektis D-ron Privat, kiu proponis honorajn prezidantojn Prof. Bovet, Prof. J. V. Sevenhijsen, kaj Prof. Th. Cart. Unuanime konsentita. Prof. Wm. Perrenoud el Cernier oni elektis ĝeneralan sekretarion.

D-ro Privat : — "Por la akcepto de Esperanto en la lernejojn du kondiĉoj devas esti plenumitaj :

(1) Ke oni ne perdu tempon en lerneja programo, jam tro ŝarĝita;

(2) Ke la decidoj diversnaciaj estu faritaj reciproke, samtempe.

Mi kredas ke ni pruvos , ke Esperanto malŝarĝas la programon. Ni devos studi kiamaniere ni povas havigi tian samtempecon ... Ni estu tute senpartiaj: ni havu antaù ni por ĉiam ... sole faktojn nediskuteblajn ... La Ligo de Nacioj restis ĝis nun eble tro konata nur en rondoj politikaj kaj diplomataj. G'i mem deziras realiĝi en la koroj kaj spirito de la homaro mem ... kaj estas radio de suno pensi ke la spiritoj de miloj da infanoj jam gajnos per praktika instruado iom de la spirito de la Ligo de Nacioj."

### Statistiko

La sekvantoj raportoj estis prezentitaj. Ni povas doni nur la nudajn faktojn.

**BULGARUJO.** En 25 gimnazioj ĉe 30 klasoj estas proksimume 800 geknaboj lernantaj nedevige.

**C'EKOSLOVAKUJO.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| | 15 popollernejoj | 450 lernantoj laùvole | |
| | 3 mezaj lernejoj | 350 | ,, |
| | 1 profesia lernejo | 40 | ,, |
| entute | 19 lernejoj | 840 | ,, |

**FRANCUJO.** Ne oficiale permesata de la S'tato. Multaj komercaj ĉambroj instruas Esperanton kaj en multaj urboj ĝi estas instruata. La tuta nombro da lernantoj ne estas konata. 13 el unu lernejo vizitis Praha.

**GERMANUJO.** En lernejoj en 123 urboj, sub registara subteno. Alie 300 grupoj ekzistas en 200 urboj. 1600 kursoj entute. Oni instruas Esperanton al 4000 infanoj. Oni vendis pli ol duonmilionon da lernolibroj. Por la sekvanta jaro oni promesis la endukon en 40 pluaj urboj. Estas 600 Esp'aj instruistoj kompetentaj: ne sufiĉaj.

**ANGLUJO.** Parolo ĝenerala pri Eccles kaj Bishop Auckland, sed nenia statistiko. Ne estas sufiĉaj instruistoj.

**ITALUJO.** G'enerale instruado nedeviga en la lernejoj maraj laù cirkulero de la mara ministrejo. Ne sufiĉaj instruistoj estas. Nenia statistiko pri lernejoj, sed 40 grupoj, 1500 anoj kaj 80 izolitoj konataj; kaj preskaù 300 personoj kiuj povas instrui. Speciale: Milano, 34 kursoj: 1200 gelernantoj; Kremono: 225 gelernantoj; Bolonjo: 200 gelernantoj. Preskaù 20 aliaj urboj permesas privatajn kursojn en publikaj lernejoj.

**NEDERLANDO.** La Ministrejo por Instruado mem petis ke Prof. Sevenhuijsen reprezentu ĝin.

95 urboj, 250 instruistoj, eble 1500 lernantoj, en 4 publikaj kaj 32 privataj institutoj.

**SVISUJO.** En G'eneva kantono deviga en la sepagradaj lernejoj; entenas 13-14 jarajn geknabojn; 13 klasoj, 400 lernantoj.

**HISPANUJO.** Bedaùrinde la parolado ne estas aùdebla.

**JAPANUJO.** Ne oficiala, sed privata liceo apud Tokyo faras sukĉesplenan eksperimenton instigitan de la Eksperimento de Eccles. Esperanto estas tre facile lernebla eĉ por la mezkleraj lernantoj.

**HUNGARUJO.** "Esperanto solvas la lingvajn malfacilaj'ojn sed ne la ekonomiajn."

La ministrejo de Publika Instruado permesas en 3 lernejoj ke Esperanto estu instruata 2 horojn semajne.

**AUSTRRUJO.** 30 kursoj en Vieno.

## Pri Pedagogia Demandaro

Por ŝpari spacon ni devas resumi la faktojn elĉerpitajn el paroladoj (estis 30) de delegitoj el la jenaj landoj: Anglujo Aŭstrujo, Belgujo, Ĉekoslovakujo, Ĉinujo, Danujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Nederlando, Rumanujo, Svedujo, Svisujo.

La faktoj donotaj ebligas ke oni respondu al la jenaj demandoj, kiujn ni eltiras el propono de Prof. Bovet, kaj ni signifas per ĉefliteroj la landojn, kies delegitoj konfirmis la donitan respondon.

(a) Ĉu Esperanto malbonigis la uzon de la patrina lingvo ĉe la lernantoj ? Tute ne !

(b) Ĉu Esperanto estas malhelpaĵo en la studado de fremdaj kaj klasikaj lingvoj ? Tute kontraŭe !

(ĉ) Ĉu la eklernado de Esperanto faciligas poste la komprenon de la gramatiko fremlingva ? Certe !

Esperanto helpas lernantojn rilate al la sekvantaj lingveroj: —

Generale F
Pedagogia gradeco. I.
Rezonopovo. An.
Kompara lingva kapableĉo. G.
Kondukas al la vera enhavo de lingvoscienco. G.
Gramatiko per si mem. An.
Gramatiko de la gepatra lingvo. An. Ĉe. G. R.
Gramatiko de fremdaj lingvoj. Ĉe. D. Svis. Ĉi.
  Speciale la Franca lingvo. Ĉe. Svis.
  Speciale la Germana lingvo. Aŭ. Ĉe. Svis.
  Speciale la Latina lingvo. Be.
Gramatiko analizo. Ĉe.
Deklinacio. An. Aŭ.
Akuzativo kontraŭ dusencaj frazoj naciaj. I. Sved.
La kazoj de la gepatra lingvo. Be.
Ortografio de la gepratra lingvo. N.
Signifo de la gepatraj lingvaj prepozicioj. An.
Signifo de afiksoj. Ĉe.
Vera senco de terminoj. I.
La 45 kaj similaj vortoj naciaj. An. I.
Signifo de dusencaj vortoj naciaj An. I.
Klarigo de la senco kaj deveno de vortoj An.
Ideoj de abstrakteco kaj konkreteco. Ĉe.
Racia sekso estas senŝarĝiĝo. I.
Parolado de la gepatra lingvo. D.N.
  Speciale vokaloj. D.
  Speciale kosonantoj. N.
Farigas Latino nenecesa. Be.
Vigligas intereson en fremdaj lingvoj. G. I.

La delegito de C'INUJO faris deklaron kiu ni devas presigi aparte: "En C'inujo oni lernas la anglan lingvon dum almenaŭ 6 jaroj; la francan 7 jarojn! la ĝermanan 8 jarojn; la rusan ĝis 10 jaroj. Sed por Esperanto oni bezonas nur 2 jarojn.

"Zamenhof ne sciis la C'inan lingvon, sed li faris Esperanton grandaparte laŭ la modelo de la C'ina lingvo."

## La Morala Flanko

Ni ne povas trati ĉi tiun temon ĝuste tiamaniere. La plejparto el la antaŭaj parolantoj ankaŭ parolis pri ĉi tiu grava temo kaj ni devas resumi en pli aŭ malpli sinsekva rakonto la spertojn de la instruistoj kiuj ŝajnas la pli valoraj.

Agado kaj reagado. Reciproka interŝanĝo de leteroj kaj poŝtkartoj estas, videble, la sola eblo por malriĉaj geknaboj rilate al internacia komunikado, kaj estas konstanta praktiko de la instruistoj ĉie kuraĝigi la infanojn en tiu kutimo. La efikoj estas rimarkindaj. Por la infanoj—

"... la landlimoj inter la nacioj malaperas, ankaŭ la malamikeco. Esperanto konatigas la malgrandajn naciojn tra la tuta monda. C'e.

"La interna ideo disvastiĝas. Oni devas forstreki kaj forigi la batalojn el la mondo ... La infanoj en unu urbo tute memstare kondukis alilandajn Esperantistojn tra la urbo kaj lernis ami kaj kompreni la fremdulojn. Esperanto estigas ian solidarecon de sento. N.

"Infanoj mem faras rimarkon pri la valoro de Esperanto por helpi al la paco de la mondo. ... 'per Esperanto ni havas gefratojn en ĉiu lando'." An.

El Italujo sola venis ĉi tie malkonsenta voĉo. Instruistino tie kredas, ke

"La infanoj devas esti gvidataj kaj influataj de la instruistoj por helpi ilin formi siajn opiniojn pri la morala valoro de Esperanto; estas nature sciate ke la infanoj ne povas havi abstraktajn ideojn. Ili estas tro junaj kaj senpensaj. La infanoj mem ne povas rimarki la aferon."

Sed tiu deklaro ne trovis subtenon. C'inujo decidis la ŝajnan kontraŭaj'on: —

"... lernantoj povas esti dividitaj en du specojn. Unue: la lernantoj, kaj lernis Esperanton ĉar ili jam interesiĝis pri paco kaj frateco, kaj la spirito de internacia amikeco. Due: tiuj, kiuj ne scias pri tiaj aferoj, sed, lerninte Esperanton, lernis tiun senton ankaŭ."

D-ro Privat resumis tiele: —

**Ni, do, konstatis ke en kelkaj lernejoj la infanoj mem faras rimarkon pri la paciga efiko de Esperanto, kaj en aliaj ne.**

Sed estas klara ke la plejparto de la spertuloj estas vidinta la spontanan burĝonadon de la paca sento en la infanoj pri kiuj ili parolis, kaj pri tio S-ro Hahn de Dresden diris grandajn vortojn : —

"Entute oni povas certigi, ke per la internacia korespondado la **spirita horizonto treege plivastiĝis.** Konatiĝo eĉ nur per letero proksimigas la homojn.

Jen aliaj valoraj atestoj : —

"Gepatroj skribis ofte pri la bono farita al la infanoj. C'e.

Internaciaj proverboj estas komprenigiloj pri la aliaj naciaj. G.

De germana knabo alvenis letero kiu kondukis al interkorespondado kaj interamikiĝo inter germanaj kaj belgaj knaboj. Kiam la milito eksplodis unu knabo mia diris al i: 'Estas domaĝe ke ni nun devos batali kontraŭ miaj amikoj, la knaboj de Elberfeld.' B.

16-jara blindulino diris: "Mi tre memoris pri la kurso kiun vi faris. Vi donis novan animon en mia korpo." Aŭ.

"Mi instruas Esperanton al 60 knaboj en Skotlando. Ili havis la aĝon de 10-12 jaroj ... ili komencis korespondi kun aliaj knaboj ... estis en la komenco tre surprizitaj trovi, **ke la aliaj infanoj estas tiel similaj al ili mem.**" (F-ino Watson, Coatbridge).

Vere, oni povus plori aŭdante tiajn vortojn ! Aliaj efikoj estas pli konkretaj :—

Esperanto interesigas pri literaturo kaj geografio. I.

Ni uzas Esperanton por la instruo de geografio. C'e.

Instruistoj mem ankaŭ gajnas per tio. C'e.

Mi havas kolekton de poŝtkartoj por geografiaj celoj. N.

Geografia instruo fariĝas multe vivplena. G.

Esperanto helpas lerni la ĝustajn nomojn geografiajn anstataŭ la naciaj francaj nomoj. F.

Esperanto vigligas la intereson pri mapoj. Skot.

La plej bona rimedo krei intereson pri geografio. Skot.

"Mi faras korespondadon kun multaj landoj Eŭropaj, kies kostumojn naciajn mi ekkonas." Svis.

### Ekonomia Vidpunkto

Infanoj enmetas kelke da poŝtkartoj en unu koverton kaj sendas ilin al instruisto. C'e.

Infanoj serĉas j'urnalojn por novaj'o pri la progreso de la ŝipo por kalkuli kiam iliaj leteroj alvenos. An.

Multaj geinfanoj kiuj ne povas pagi la koston de pk. kaj deziris korespondi kun alilandanoj mem aranĝis: Komunigi siajn malgrandajn monprovizaj'ojn kaj elekti infanon kiu ricevos la respondan karton. An. F.

Ni donis tiom da spaco al la antaŭaj temoj ĉar ni pensas ke

la esprimoj, la videblaj koroj de la infanoj mem estas por la plimulto de niaj legantoj la plej interesaj, la plej gravaj punktoj. La estonto estas en la spiritoj de la infanoj. Vidu por vi mem kiel la infanoj rigardas Esperanton, kaj kial.

Sed ni treege esperas, ni avide deziras, ke la raporto estu publikigita entute. Oni diris, ke tio estos farita. Sed, dume, ni donas sekve, kelkajn punktojn pluajn, kiuj estis traktitaj, kaj per tio ni devas fini la rakonton.

### Pri Organizado de la Instruado, kaj pri Pedagogio Metodo

Temoj diskutitaj sub ĉi tiuj rubrikoj estas la jenaj :—

C'u ekzistas lernantoj tute nekapablaj lerni Esperanton ?

C'u la kaŭzo estas manko je memora aŭ je logika rezonpovo?

C'u la normala daŭro de la instruo estas diversa laŭ la aĝo de la lernantoj ?

Dum kiom da tempo oni instruu ?

Pri evitindaj eraroj en la instruado.

C'u vi rekomendus la daŭrigon post unu jaro?

Praktika propono:—

"Mi parolis jam antaŭe pri la elparolado. Mi proponas al vi klopodi fiksi la plej bonan elparoladon per gramofono. Unue: por montri la negravecon de prononco-nuancoj. Due: por havi, krom tio, modelan elparoladon. Oni povus peti al ses diversnaciuloj, ke ili ripetu la saman frazon unu post alia." (Dietterle).

Pri la naciismoj.

Pri ĉiuj temoj la delegitoj faris elserĉan enketon, kiu sendube estis kaj estos tre valora al instruistoj. Sed por sufiĉe montri la enhavon ni bezonus tute nehaveblan spacon.

### C'u la Eksperimento Estu Deviga au Nedeviga ?

D-ro Privat resumis jene: —

"... mi pensas, ke oni povas diri, ke la ĝenerala deziro de la Konferenco estas, ŝajne, ke la registaroj, se eble, enkonduku eksperimentojn absolute devigajn, ĉar nur per ili oni povas havi la frukton de la interrilato inter la instruanto kaj la lernanto. Sed kiam tio estas neebla, nur tiam oni preferu la elekteblan sistemon. Sed la absolute deviga sistemo devas esti konsilata. Kiam oni volas fari eksperimenton, oni rekomendu la absolute devigan sistemon. Sed se, tamen, tio necesigas leĝon, oni preferu la alian."

Niaj legantoj nun vidas per si mem kiel grava estis la tuta afero. La Esperanta mondo ŝuldas grandan dankecon al la sinjorinoj kaj sinjoroj el ĉiuj nacioj kiuj partoprenis la konferencon, kaj tiel faris, kiel ni povas esperi, tiom da valora helpo al la fina paco de la homaro.

(The British Esperantist - Majo 1922)

## RAPORTO AL INTERNACIA KONFERENCO POR LA INSTRUADO DE ESPERANTO EN LA LERNEJOJ

### 1. — Spertoj faritaj en lernejoj.

Instruinte esperanton en la lernejo mi akiris spertecon kaj kredon. Tial responde la komitaton mi faris tiun-ci raporton.
Mia unua rimarko estis tiel dire ekstera: esperanto helpas la lernejan akuratecon. "Hodiaù, patrino mia, mi volas iri klason, estas la tago de esperanto !"

Esperanto influas ne nur sur la volon, sed ankaù sur la spiriton kaj la koron. Ĝi kuraĝigas la lernantojn ne tre inteligentajn, tiuj, kiuj ordinare ne konas la ĝojon de l'sukceso. Al ili ( la plej multaj kaj morale la plej interesaj) esperanto donas fidon, tiun fidon al si sen kiu ne estas iniciativo, fidon kiun la infanoj kun portos el la lernejo en la vivon.

La instruisto ankaù ricevas donacon. Lernante esperanton mi miris pri miaj eraroj, forgesoj, malatentoj. Sekve mi pli bone komprenis la infanojn. Dum mi fariĝis malpli severa kaj pli justa, ili fariĝis malpli timemaj kaj pli sinceraj: al la edukanto pli da boneco, al la edukato pli da amo !

Mia ĉefa sperto estas la pedagogia valoro de esperanto. Esperanto estas ilo de pedagogio je forta produkto (kvanto kaj kvalito), ilo ĝis nun ne konata ĉe la unuagrada lernejo, ilo tuj uzebla, kiu kostas nenion, kiun nenio povus anstataùi, kiu ludas en la popola lernejo proksimume la saman rolon, kiel ludas en la liceoj kaj kolegioj la latina lingvo. Jen pri tiu punkto, al kiu ni revenos nepre kaj intence en sekvantaj ĉapitroj, la opinio de Sro Gustave Gautherot, profesoro ĉe la Liberaj Fakultatoj en Parizo (1).

"Ni laste vizitis elementan lernejon en Lille, — la lernejon Montesquieu, — kie la infanoj parolas esperanton, kiel iam en niaj kolegioj ni parolis la latinan lingvon. Sed dum nia antikva lingvo tiam sin limigis per komunaj kaj afektaj formuloj, la knaboj dek du jaraj en klaso de kiuj ni ĉeestis, uzis la lingvon internacian kun la sama facileco, kiel la patran lingvon. Ili skribis tuj kaj korekte ĉe la nigra tabulola tradukon de francaj frazoj legataj al ili, kaj eĉ ili kalkulis, ili serĉis la plej malgradan komunan dividonton de pluraj nombroj ne elparolante unu vor-

---

(1) La Question de la Langue Internationale p. 2.75. Hachette, Paris.

ton francan, ĉar la uzado de la lingvo internacia estis por ili vera intelekta gimnastiko; ĝi devigis ilin analizi ilian penson, precizi en teksto la valoron de la vortoj, rezoni, unuvorte fari kvazaŭ ludante penojn, kiuj ordinare estas tiel malfacilaj, kiel necesaj por posedi sian lingvon."

## 2. — Valoro de Esperanto kiel logika preparo al studo de ceteraj lingvoj

Same, kiel infano miras trovi en esperanto vortojn, radikojn jam konatajn dank'al la patra lingvo, same ankaŭ lernante **fremdan lingvon** li estas ravita renkonti konatulojn ŝuldatajn al esperanto. (*) Sed aliaj profitoj atendas lin. Efektive li faras sugestiajn komparojn pri la vortarango kaj interesajn eltrovojn pri la parenceco de lingvoj. Cu ne vere, ke dank', al trovetaj'oj iaj spiritoj dormemaj aŭ konfuzaj vekiĝas, klariĝas, kaj anstataŭ indiferentaj fariĝas observenaj ?

Pri la pedagogia valoro de esperanto mi estas tiel konvinkita, ke mi ne timas certigi tion: Eĉ se Esperanto ne sukcesus fariĝi internacia lingvo parolata kaj skribata, oni devus instrui ĝin ĉe la unuagradaj lernejoj, kiel oni alprenis kaj konservas en la duagradaj la latinan lingvon ne parolatan kaj ne skribatan. Kiam registaroj, parlamentoj, ĉefadministrantoj estos ankaŭ konvinkitaj, tiam ili plivolente malfermos la lernejan pordon por esperanto, kiu atendas sur la sojlo.

## 3. — Valoro de Esperanto rilate je socia kaj homara vidpunkto

Afero rimarkinda: instruistoj en malsanaj landoj instruas esperanton per malsamaj metodoj al infanoj edukitaj laŭ malsamaj principoj; tiuj instruistoj atingas samajn rezultatojn, samajn konstatojn, samajn konkludojn ! Demandu ilin: ĉie esperanto favoras la edukadon individuan, nacian, internacian. Esperanto havigas al edukistoj okazojn kaj rimedojn por konverĝigi la spiritojn al samaj idealoj, ekzemple al idealo de paco akordiĝebla kun la patriotismo.

Evidente estas, ke popolo ne civilizita, kies vivo estas interlima, ne bezonas lingvon internacian. Imponi tian lingvon al tia popolo estus eraro. Nu ! rifuzi internacian komprenilon al popoloj civilizitaj estus pli granda eraro. Efektive al la unua vi donus senutilan ilon, al la dua vi refuzus utilan ! Oni ne forgesu tion: ĉe multaj popoloj amasigo de antaŭaj progresoj igas espe-

---

(*) Pri la valoro de Esperanto rilate al la studo de la franca lingvo mi parolis okaze aŭ intence en aliaj ĉapitroj precipe en la 4a. En la fino de tiu ĉi raporto vidu ankaŭ la artikolojn 1, 2, 4.

ranton progreso de nun utila, progreso kiu dank'al uzado fariĝos necesa, kaj fine necesega.

## 4. — Organizado de la instruado

La popola lernejo devus alpreni la studadon aŭ pli bone la uzadon de la lingvo internacia eĉ por la "malgrandaj" klasoj. Ĉu riĉaj familioj atendas la dekan jaron por doni al siaj infanoj fremdan instruistinon ? Kiam infano scias diri **bonjour**, oni kutimigu lin diri **bonan tagon** ! Kiam instruisto diras **plume, crayon, asseyez-vous, prenez votre livre,page vingt cinq**, li instruas nenion. Male estus per **plumo, krajono, sidiĝu, prenu vian libron, paĝo du dek kvina.** — Ekster la lecionoj mi ne akceptis: **monsieur, oui, non, pardon, s'il vous plaît, je ne sais pas, merci,** k.t.p. Oni diris tion en esperanto.

Malgraŭ nia senpotenco sentigi la gravecon de bagateloj en la tiel malsimpla instruarto, ni iru pli malproksimen. Ĉu vi ne rimarkis, ke l'akutimiĝo aŭdi samajn vortojn faras, ke la infanoj ne plu atentas ? **Silentu !** pli efikas, ol **silence ! aŭskultu bone,** ol **écoutez bien.**

Kiam la infanoj estos dekunu, dekdu jaraj ili uzos lernolibron, sed plej ofte la lernantoj same, kiel la profesoro parolos esperante. Tamen ne tro, por konservi la boniradon de la leciono.

La komparo de du tekstoj tre utilas. En esperanto tiel simpla estas la strukturo, ke iafoje esperanta frazo similas al radiografaj'o de la franca. Ekzemple: **Falis neĝo,** por **Il est tombé de la neige.** Simpla rigardo vidigas ne nur superfluajn vortojn sed ankaŭ la naturon kaj la rolon de la ceteraj.

Post unujara studado tradukoj anstataŭos diktaj'ojn en la lernado de la patra lingvo. Tiamaniere la infanoj (ĉiu laŭbezone) povos halti, konsulti vortaron, pripensi, penetri la penson k.t.p. Ne nur vorto anstataŭos vorton sed okazos en kranioj bataloj por la ĝusta vorto ka la korekta esprimo. Tiam la profesoro ne plu kvazaŭ diros: "iru ! iru ! se vi eraros, vi korektos poste, dum la silabado !" — Gardu vin, edukistoj ! ĉu en morala fako vi permesas ke oni peku, eĉ se oni videtas eblecon de riparo kaj pardono ?

Ĉiusemajne sufiĉos du lecionoj kvardek minutaj. Post tri monatoj la infanoj ekkorespondos kun fremduloj. En la komenco la temoj estos tre simplaj, kaj necesa la helpo. Tamen la pordo estas malfermita !... La kampo kie la infano povis semi kaj rikolti, anstataŭ landlima fariĝas senlima.

Ni citu ankoraŭ Sron Gautherot. "Ni aldonu, diras li, ke tiuj knaboj estis fieraj montri sian poŝtkartarojn ilustritan. Ili konas jam tipojn, kutimojn, artojn kaj eĉ iomete ideojn el ĉiuj nacioj sur la terglobo ! Ili interŝanĝis rekte sian penson kun Brazilianoj,

Rusoj, H'inoj, Japanoj, dum multaj anoj de l'Instituto estus sendube nekapablaj ĝin fari !! Kaj estas en Lille 1200 infanoj kiuj lernas esperanton." La eminenta profesoro aldonas: "Antaŭ tiaj rezultatoj kaj tiuj montritaj en tiu-ĉi libro la kritiko "sciencula" devus kliniĝi."

**5. — Oficiala enkonduko de Esperanto en lernejoj.**

Laŭ tio, kion ni montris en la antaŭaj ĉapitroj esperanto meritas eniri oficiale en la lernejojn dank'al multaj eblaj servoj. Pri tiuj servoj mi certigis sen modesteco. Kompense pri la ceteraj demandoj, nome pri "Projekto de interŝtata akordo submetota al Ligo de Nacioj," kaj pri "Agado ĉe registaroj kaj parlamentoj" mi konfesas mian senkompetentecon.

Estu tamen permesate al mi elvoki lastfoje la es'in'econ por antaŭvidigi eblan eraron. Tiu eraro konsistus el prokras'o de l'enkonduko dezirinda pretekstante, ke la personaro ne estas preta. Nu, sufiĉa preparado postulas ne pli, ol ses semajnoj ! Jen tio, kion oni faris en Lille, kiam Sro Mine', unuagrada inspektoro, enkondukis administracie se ne oficiale la priesperanton instruadon en la superajn kursojn de la lernejoj de s'a distrikto (1)

Geinstruistoj kuniĝis jaŭde ses aŭ sep fojojn nur dum tridek minutoj. Kolego klarigis de la lingvo la meh'anismon, pronuncadon kaj akcentadon. En finjara ekzameno por la lernantoj oni konstatis la unuecon de l'ins'ruado kaj la progresojn tre kontentigajn de la infanoj (2).

Al la demando: Kial oni ne daŭrigis la esperantan instruadon, mi respondas: Esperanto eniris la lernejojn Lill'ajn dank'al favoraj homoj kaj cirkonstancoj; ĝi eliris nur pro malfavoraj okazintaj'oj. En la sama tempo la stenografio havis la saman sorton pro samaj kaŭzoj. Do la forlaso (post ses jaroj) de l'esperanta instruado pruvas nenion nek kontraŭ esperanto, nek kontraŭ la enkonduko en la lernejojn de lingvo internacia. Sed tiu forlaso pruvas kontraŭ nefirma situacio, situacio kiu similas al konstanta flirtado, riskaj kisadoj kaj intertempa kunloĝado atendante la konsenton de ŝanceliĝaj gepatroj.

Por fini ni esprimu la komunan esperon: baldaŭiĝu la momento, kiam administrantoj, parlamentoj kaj registaroj estos konvinkitaj pri la lerneja taŭgeco de esperanto.

Atendante plaĉas al ni propagandistoj videti en la manoj

(1) C'iusemajne du leĉionoj tridekminutaj dum la klashoroj, kaj post aranĝo kun la inspektoro de l'Akademio, oni hierarh'ie sciigis al la ministro.

(2) 538 kandidatoj, 496 diplomoj, 224 al kabinoj, 272 al knaboj.

ducone malfermitaj de la Ligo de Nacioj unu el la bonfaroj destinitaj por la homaro.

## Resumo - Konkludo

1. — Esperanto mankas en la lernejo, kiel **instrufako** kaj kiel **instrurimedo.**

Esperanto favore influas sur la lernanton, la instruiston, la instruadon.

La instrua valoro de esperanto estas nediskutebla. Esperanto ebligas komparojn, sugestias, rezonigas, penetrigas, konkretigas, reliefigas, riadiografias, vekas la dormemajn spiritojn, kaj lumigas la nebulajn.

Ne malpli notinda estas de esperanto la valoro edukada (individua, socia, homara . G'i nome havigas al edukistoj en ĉiuj landoj okazojn kaj rimedojn por konverĝigi la spiritojn al samaj idealoj, ekzemple al idealo de paco akordiĝebla kun la patriotismo.

2. — Esperanto en la lernejo preparas, komencas kaj plifaciligas la studon de ceteraj lingvoj.

3. — Esperanto faciligas eksterlandajn interrilatojn. G'i plivastigas la spiritan, komercan, k.t.p., horizonton, tio estas la kampo sur kiu oni semas kaj rikoltas. Mondo landlima fariĝas senlima ! ,

4. — Estus dezirinde, ke la parola uzo de esperanto komencu en la "malgrandaj" klasoj. En la mezaj kaj superaj klasoj oni utiligos lernolibron, oni tradukos kaj korespondos.

C'iusemajne du lecionoj kvardekminutaj sufiĉos. Kiu instruas esperanton, vole nevole tiu instruas per esperanto la nacian lingvon, sed oni ĝin instruos vole !

5. — Plej grave estas konvinki ĉefadministrantojn,parlamentojn, registarojn pri la lerneja kaj soĉia valoro de esperanto, pri la facileco de rapida preparado de l'persono, kaj pri la ne kosteĉo de l'enkonduko. Kiam ili estos bone sciigitaj, tiam ili estos pli decidemaj. Tiel estu !

F. DURIEUX.
Sekretario de I.A.I. Eks-direktoro
de la Lernejo "Montesquieu" Lille

